# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 22/03/2018 Tricent- sesdeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

### Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun **1,600,000** lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol **1,270,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol **331,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol **2** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Marto 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 20 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)



Dum en la analiza formo de la faktitiva voĉo miskomprenoj ne okazas, ĉar oni normale sekvas klaran vicordon, ekz. "Mi igas la kokinojn manĝi la maizon", en la sinteza formo oni povas havi du gramatikajn objektojn ĉe unu faktitiva verbo, ĉar KAJ igi KAJ la kerna verbo povas havi sian objekton. Se ambaŭ objektoj ĉeestas, oni devas zorgi ke ili uzatu en la ĝusta vicordo. Ekz. se mi igas la knabon helpi la patron mi "helpigas la knabon la patron", ne "la patron la knabon". PAG opinias, ke tiaj frazoj ne estu permesataj, sed tio devas esti nur konsilo, ne malpermeso, ĉar la vicordo komprenigas la ĝustan signifon. PAG eĉ proponas mallogikan alternativon: "Mi helpigas la knabon al la patro", aŭ, alisenca, "Mi helpigas la patron per la knabo". Simile se mi igas Petron scii la informon = mi sciigas Petron pri la informo aŭ mi sciigas la informon al Petro (=Mi igas la informon scii al Petro). *Marcel Leereveld.*




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.





Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 17an de Marto venis Roger Springer, Rainer Kurtz, Ian Wylles, Eunice Graham kaj ŝia filino Jane, John Casey kaj Chris Holliss. Post kafo Rainer instruetis Jane, Roger instruetis Ian kaj John, kaj Chris interparolis kun Eunice. Kiel kutime estis bona kunveno.
Venu je la 3a sabato (kaj la unua). La venonta kunveno okazos je la 7a de Aprilo.

*Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Merkredo ĉe la Esperanta Domo, Sidnejo.




## Ĉu komputila tradukado anstataŭos lingvolernadon?



**Tempo: Merkredo, 21.3.2018 15h00-17h00**

Maŝina traduko estas la traduko de teksto per komputilo, sen homa partopreno. Google Translate proponas tradukojn inter 100 lingvoj, inkluzive de kaj al Esperanto. La antaŭaj malbonkvalitaj komputilaj tradukoj rapide pliboniĝas pro la evoluigo de maŝinlernado kaj neŭronretteknologio.

Hodiaŭ ni prezentas kaj diskutas ĉu ankoraŭ valoras la tempoelspezon por lerni aliajn lingvojn. Ni ankaŭ provos diversajn maŝinajn tradukojn inter Esperanto kaj aliaj lingvoj.

Dum la paŭzo, ni provizos kafon, teon kaj ludos Esperantomuzikon.

La hodiaŭa gastiganto Rainer estas doktoringeniero kaj iama prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio. Rainer parolas kvin kaj duono lingvojn, inter ili Esperanto estas lia plej pasia. Li komence lernis Esperanton dum 20 horoj ĝis li faris sian unuan Esperanto-vojaĝon (al Japanujo). Intertempe li vizitis pli ol 40 landojn pere de Esperanto.

*Rainer Kurz*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La luno kaj la kaskedo



*BOOKBOX*

Karaj,
Jen nova rakonto en Esperanto. Ĉu vi rekonas la voĉon de la leganto? Temas pri fama eŭropa Esperantisto kiu venis al Aŭstralio antaŭ ne tiom longa tempo.

https://www.youtube.com/watch?v=CqWAOWzawKo

Amike,



*Nicole Else*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj




Sabate membroj ĉeestis la BES jarkonvenon kaj re-elektis Presidenton Doug Eising kaj Sekretarion Petro Danzer. Ankaû membroj diskutis planojn por la estonteco; ekz. re-eldonos la Brizbanan " BABILADO " broŝuron kaj komencos ekstran monatan societan konvenon en hejmo pro la entuziasmo de niaj membroj. *Petro Danzer* BES Sekretario



# Ĝ a r d e n o d e K u r s a r o j .



## IOM DA HISTORIO DE LA SOMERKURSAROJ.

Ĝis kun la jaro 2005 la somerkursaroj organizatis de lokaj grupoj. Ĉiujare dum kongreso A.E.A. simple petis volontulan urbon, dum aŭ ne dum la kongreso. Ili ne ricevis, kaj ne bezonis ricevi, financan aŭ alian helpon de A.E.A., kaj organizis mem la enhavon. La unua okazis en Toowoomba, kaj post tio okazis kelkaj en Armidale. Post tiuj okazis pluraj en Adelajdo, danke al la klera organizado de Max Wearing, kun la helpo de fidelaj helpantoj kaj instruistoj. Dum ĉiuj estis finance sendependaj de A.E.A., Max Wearing sukcesis ricevi subvencion de la saŭstralia registaro kaj tial komencis pagi salajron al la instruistoj, dum antaŭe ili ne pagatis. Aparte de la sendependaj somerkursaroj, A.E.A. organizis ofte mallongan kursaron en la kadro de siaj kongresoj. La partoprenantoj ne pagis ekstre, kaj la instruistoj ne ricevis salajron nek ĉeestkostojn: ĉiuj laboris libervole. Tion A.E.A. faradis jam longe antaŭ la komenco de la

somerkursaroj. Por tiuj A.E.A.-aferoj oni neniam dungis eksterlandanojn, ĉar tiam ekzistis sufiĉe da tre spertaj Esperantistoj en Aŭstralio.

Sed en la komenco de la dudekunua jarcento la situacio esence ŝanĝiĝis en Aŭstralio. La kongresoj altiris malpli da partoprenantoj, kaj parte por altiri pli la estraro de A.E.A. decidis, unue en kongreso en Melburno, ligi plenajn somerkursarojn kun la kongresoj. La kongresoj fariĝis finance pli kostaj, ĉar la Estraroj decidis pagi partoprenkostojn al la instruistoj kaj krome inviti pli ol unu eksterlandanon, multekostan ja. Tio kreis grandiozan organizadon ate de la loka komitato kun la, precipe financa, helpo de A.E.A. , sekvate de pli altaj partoprenkotizoj. Aliflanke oni ŝparis monon, ĉar la "salajritoj" kontribuis KAJ en la Kongreso KAJ en la kursaro. Kelkaj personoj, kiel mi, preferas la malnovan kulturon de nepagataj libervolaj kontribuantoj aŭstraliaj, aliaj preferas la elspezojn por aŭstraliaj instruistoj kaj eksterlandaj kontribuantoj. Kiam mi organizis, por la estraro de A.E.A., la kongresojn en Tathra kaj en Hobarto (2005 kaj 2006), mi penis elspezi malpli pri eksterlandaj instruistoj, ja multekostaj, kaj elspezi la monon por subvencii senpagan partoprenon de infanoj, en kio mi sukcesis. Diskutante la aferon kun la tiama prezidanto de AEA li konvinkis min ke la tuta estraro estas leĝe respondeca pri la somerkursaroj, same kiel pri la kongresoj, kaj ke tio kreas "grandan danĝeron" por la individuaj estraranoj. Kaj poste li avertis nin ke la estraranoj estas "en granda danĝero ĉar ni estis asocio kaj ne kompanio".

Pro tiuj "grandaj leĝaj danĝeroj" la estraro de AEA dum la 2005-a kongreso elektis min kiel oficialan respondeculon por la proksima Somerkursaro kaj Kongreso en Hobarto (kiel "Komisiito por Kursaroj"). Kun respondeco, kompreneble, al la Estraro de A.E.A. La komisio inkluzivis la helpon de la hobartaj Esperantistoj, kiuj origine invitis nin.

Tio estis grava ŝanĝo (por eviti la "grandan danĝeron") kaj tio signifis ke mi sola respondecis pri la tuta organizado, ankaŭ finance. Strangis, ke nur unu tasmania Esperantisto helpis min, kaj nur unu tagon, (pro la konsilo de la prezidanto, por eviti respondecon). Tiu nura helpo, de nur la intertempe mortinta hobartano, estis en la komenco, kiam mi jarkomence flugis al Hobarto por serĉi kunvenejon kaj loĝadon por la kongres/somerkursaraj partoprenontoj. Post tio mi ne plu bezonis vojaĝi al Hobarto, kaj mi miris, kiom facile, kvankam temporabe, mi sukcesis organizi sole ĉiujn aspektojn de la kongreso/kursaro. La precipa laborego estis pri la financa parto, ĉar mi penis, tre sukcese, malplikostigi la registriĝon kaj la loĝ- kaj manĝkostojn por la multaj partoprenontoj. Dum la lastaj dek monatoj mi organizis ĉion en Melburno, telefone kaj retmesaĝe. Ĉio sukcesis laŭ la planoj kaj montris, ke oni teorie eĉ ne bezonas lokajn Esperantistojn por organizi kongresojn k.t.p.

Verŝajne la hobartaj Esperantistoj zorgis pri la reklamado en sia provinco. Pro tiurilata promeso mi ne zorgis pri tio. Dum la kongresoj la plej febra periodo estas la unuaj du tagoj, kiam okazas la registriĝo kaj la ekloĝado. Tre bonŝance Heather Heldzingen oferis fari (bonege!) tiun pezan laboron, tiel ke mi povis okupiĝi pri ĉiuj aliaj aferoj kaj problemetoj.

La tuto estis bona ekzemplo, kiel organizi en maniero por havi loĝ- kaj manĝprezojn konsiderinde malpli altaj ol en antaŭaj kursaroj. Ni havis nur unu pagitan eksterlandanon (Attilio). Kaj ĉio danke al la originaj persvado kaj timigado de la tiama Prezidanto!

*Marcel Leereveld.*

# LA VORTKONSISTO DE ESPERANTO .

Vorto estas kombinaĵo de sonoj aŭ de literoj, kiu havas nocion kaj sencon kaj estas uzebla en la lingvo. Esperanto (kaj multaj aliaj lingvoj) havas vortradikojn kiuj estas nedivideblaj sed kies plejmulto ne povas uzati kiel sendependaj vortoj antaŭ ol ricevi finaĵon. Ekzistas grupo de vortoj/radikoj, kiuj ne povas aŭ ne bezonas ricevi finaĵojn, ekz. (ne bezonas): kun, ĉio, tial, kaj (ne povas): ies, la, u, e, kaj la kategoriaj finaĵoj mem. La finaĵoj mem ankaŭ estas radikoj, sed ili povas uzati nur fine de alia radiko. Zamenhof nomis la finaĵojn plenaj radikoj, sed ili ne estas ĉar ili ne povas uzati solaj nek povas ricevi kategoriajn finaĵojn nek povas uzati kiel flankelementoj en vortkunmetaĵoj. La finaĵaro konsistas el nur la jenaj: Unue la kategoriaj finaĵoj –o, -a, -e, -u, -us, -i, -as, -is, -kaj –os. El tiuj la lastaj tri indikas ankaŭ la tempon de la verbo. Due kaj laste la finaĵoj –j kaj –n, kiuj nomiĝas sintezaj finaĵoj kaj kiuj ne influas la signifon de la radikoj al kiuj ili alkroĉiĝas.

**Jen kelkaj frazoj kun klarigo de la vortpartoj:**

ĈI > senfinaĵa radiko; finaĵoj ne eblas

TIU > senfinaĵa radiko; sintezaj finaĵoj eblas

LIBRO > radiko kun kategoria finaĵo

JAM > senfinaĵa radiko; finaĵoj eblas

VENDATIS > radiko plus sufikso (= radiko) plus kategoria finaĵo (verbo + tempo)

MULTOPE > radiko plus sufikso (= radiko) plus kategoria finaĵo (adverbo)

KAJ > senfinaĵa radiko; finaĵoj praktike ne eblas

DONOS > radiko plus kategoria finaĵo (verbo + tempo)

AL > senfinaĵa radiko; finaĵoj apenaŭ eblas

LA > senfinaĵa radiko; finaĵoj ne eblas

LEGANTOJ > radiko plus sufikso (radiko) plus kategoria finaĵo plus sinteza finaĵo

MULTAJN > radiko plus kategoria finaĵo plus sinteza finaĵo plus sinteza finaĵo

OKAZOJN > radiko plus kategoria finaĵo plus sinteza finaĵo plus sinteza finaĵo

POR > senfinaĵa radiko; finaĵoj teorie eblas

DISKUTI. > radiko plus kategoria finaĵo

LA > senfinaĵa radiko; finaĵoj ne eblas

LITERO > radiko plus kategoria finaĵo

U > senfinaĵa radiko; finaĵoj ne eblas

UZIĜAS > radiko plus sufikso plus kategoria finaĵo kun tempo

MALPLI > senfinaĵa radiko kun prefikso; finaĵoj eblas

OFTE > radiko plus kategoria finaĵo

OL > senfinaĵa radiko; finaĵoj ne eblas

LA > senfinaĵa radiko; finaĵoj ne eblas

A. > senfinaĵa radiko; finaĵoj ne eblas

| | |
|---|---|
| NE, | > senfinaĵa radiko; finaĵoj eblas |
| MI | > senfinaĵa radiko; finaĵoj eblas |
| NE | > senfinaĵa radiko; finaĵoj eblas |
| SCIAS | > radiko kun kategoria finaĵo kaj tempo |
| LA | > senfinaĵa radiko; finaĵoj ne eblas |
| TIALON. | > radiko kun kategoria finaĵo kaj sinteza finaĵo |
| JES, | > senfinaĵa radiko; finaĵoj eblas |
| TIU | > senfinaĵa radiko; sintezaj finaĵoj eblas |
| TOĈEMIZO | > radiko kun flankelementa radiko kaj kategoria finaĵo |
| NUN | > senfinaĵa radiko; finaĵoj eblas |
| BALDAŬ | > senfinaĵa radiko; finaĵoj eblas |
| LAVATU. | > radiko kun sufikso kaj kategoria finaĵo kun imperativo. |

*Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno

## DIMANĈA KUNVENO

Dimanĉon la 18an de Marto sep homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Por daŭrigi la monatan temon de vestaĵoj (danke al Duolingo) ni ludis vestaĵ-domenojn kaj debatis kelkajn punktojn pri modo kaj vestado.

## LUNDA KUNVENO

Lundon la 19an de Marto ses homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni diskutis kelkajn asociajn aferojn kaj babilis.

## VENONTAJ KUNVENOJ

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 25an de Marto je 15:00-17:00

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 26an de Marto je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1069 Instagram – 152

Facebook – 378 Telegram – 19

Twitter – 386

*Joanne Johns*



# Esperanto Por UN

**Informilo de la UN-oficejo de Universala Esperanto-Asocio**

Numero 33, marto 2018 La reta versio de ĉi tiu Novaĵletero troviĝas en nia retejo.




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# EnigmoFandejo




Kiel vi eble memoras, EnigmoFandejo (puzzlefoundry.com) estas speciala retejo kie oni povas krei kaj solvi krucvortenigmojn. Ĝi subtenas kvin lingvojn, inkluzive Esperanton. Ĝi nun ankaŭ havas poligramojn – malgrandajn vortajn enigmojn sen difinoj por la unuopaj vortoj. Por helpi al uzantoj, EnigmoFandejo havas tezaŭrojn kie oni povas serĉi vortojn kiuj eble estos parto de la solvo. Eblas serĉi laŭ longo de vorto kaj specifaj literoj.

Jen ekzemplo de poligramo kiun mi kreis en EnigmoFandejo. Por solvi ĝin, divenu la mankantajn literojn. La bezonataj literoj troviĝas en la listo en la malsupra parto de la bildo. Se plaĉas al vi, iru al la retpaĝo por solvi ĉi tiun enigmon ŝovante la literojn per muso, ĉiu al sia loko en la kadro: https://puzzlefoundry.com/PoligramDo?pgid=1037

Uzi la bazajn funkciojn de la retejo estas senpage - aliĝu por krei vian unuan enigmon.
Pluaj detaloj pri la retejo troviĝas en la vikioj ĉe https://puzzlefoundry.com/wiki/eo"
*Donald Rogers* NZ

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Komuna kunveno de du Esperanto-kluboj ĉe Wyong, NSK





La Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo kaj Novkastela Esperanto-Societo

kunvenis ĉe Kafejo Albert's, Wyong, dimanĉon, la 18-an de marto. Estis varmege ekstere, sed plaĉe malvarmete ene!

Alan Prince (konata kiel "Joe") venis al nia kunveno lastan monaton post kiam li legis pri Esperanto en la tut-aŭstralia gazeto *The Senior* (serĉu "rising-above-the-babel"). Feliĉe por ni, li decidis membriĝi al la Esperanto-Federacio de NSK kaj revenis ĉi-monate, kie ni donis al li ekzempleron de The Esperanto Teacher.

Ni ankaŭ bonvenigis Dianne Regal, la filino de la karmemora Julie Regal, kiu estis membro de la Centra-Marborda klubo, kaj ŝia filino Amy Friedman, kiu ankaŭ estis membro. Dianne alportis plurajn sakojn da libroj de Julie por donaci al la biblioteko ĉe Esperanto-Domo.

Ni interparolis pri diversaj aferoj – kompeneble en la angla aŭ kun interpretado por Joe – inkluzive pri ideoj por afiŝosigno por la antaŭa muro de Esperanto-Domo.

Niaj kunvenoj okazas ĉiumonate je la tria dimanĉo, inter 11:45 kaj 13:30. Ĉiuj bonvenas. Por pli da informo, vidu la retpaĝon esperantohouse.org.au/eo/events/cc/ aŭ www.meetup.com/Esperanto-in-Sydney/



En la foto (de la maldekstro): Andrew Spannenberg, Alan ("Jo") Prince, Alan Turvey, Amy Friedman, Joanne Cho, Dianne Regal, Jonathan Cooper. (Ne ĉeestanta por la foto: Eckhardt Roehrich)

Raportis *Jonathan Cooper*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 12 Refoje en Danlando, kie mi fariĝas noktogardisto tria ero



Alveninte al la pordo, mi permane provis, ĉu ĝi estas ŝlosita. Tio kompreneble faris iom da brueto, kaj tuj stariĝis, ekster la pordo, homo vivanta, kiu kun sia pantalono ĉirkaŭ la kalkanoj forkuris kiom eble plej rapide. Sendube li kredis,

ke mi estas fantomo. Lumigante sur la teron mi vidis etan fekaĵon. Amuze, ĉu ne ? Almenaŭ noktogardistojn tiaj aferoj ridigas.

Tiam mankis al mi nur eliri el alia terure grandega pordego. Per tiu sama pordo eniras alia noktogardisto, kiu faras la duan kaj kvaran rondojn en la tombejo. Mi faris nur la unuan kaj trian. Ni do iris malsamajn vojojn en ĝi.

Poste mi estis en Sudhaveno. Tio estas unu el la havenkvartaloj de Kopenhago. Estis bone deĵori tie, ĉar tie loĝis miaj gepatroj. Mi povis viziti ilin.

En unu el la lokoj, kiujn mi devis gardi, iu granda firmao tenis sian stokon de elektraj aĵoj: gladiloj, bormaŝinoj, hejtiloj ktp. Kiam mi alvenis, mi vidis, ke parto de la muro mankas, kaj ke la fenestro en la pordo estas rompita, kaj ke ĉio estas kovrita de sango.

Mi eniris kaj telefonis al la polico. Kiam ili venis, ili decidis sekvi la sangospurojn, kaj tre malproksime, en herbejo, ni trovis lin, ŝteliston, tute senkonscia. Forprenis lin malsanulveturilo.

Sed tiam necesis, ke noktogardisto sidu en la vartenejo la tutan nokton. Tio estis konsiderata bonega laboro. Oni nur sidas tie aŭskultante radion, da kiuj estis multaj. Eble oni ankaŭ trinkas kafon, ankaŭ da kafomaŝinoj estis multaj. Sed, ĉar tiom da kafomaŝinoj kaj elektraj varmigiloj malaperis, oni baldaŭ aranĝis, ke anstataŭ noktogardisto policano sidu tie la tutan nokton.

Sed ankaŭ tio ne daŭris longe, ĉar nun malaperis eĉ pli da gladiloj, bormaŝinoj, varmigiloj, kaj kafomaŝinoj, eĉ elektraj raziloj. Sed iom post iom laŭ la pasado de la tempo la asekura kompanio fine decidis, ke nun estas tempo financi la riparadon, kaj ĉio baldaŭ normaliĝis.

Fininte miajn rondojn en Sudhaveno, mi reiris al la populara tombejo. La strigo salutis min, kaj mi salutis ĝin. Kiam mi eliris el la oficejo, mi trovis, ke staras aŭto apud ĝi. Estis tiu de la inspektoro, kiu loĝas en la tombejo. Li estis reveninta el la urbo, kaj staris antaŭ la pordego ĝin ŝlosante. Lia dorso estis turnita al mi, li ne sciis, ke mi enestas en la tombejo. Alvokis mi al li: "Mi ne kontraŭas, ke vi eliras por streĉi la krurojn, sed vi ne rajtas forlasi la tombejon." Li preskaŭ svenis pro timo, turnis sin, vidis ke estas nur mi, kaj elvomis kelkajn sakrojn al mi. Mi nur ridis !

Sekvate de la strigo mi tiam iris norden por kontroli, ĉu la pordego apud la ĉefvojo ankoraŭ estas ŝlosita. Survoje tien mi renkontis maljunulinon, kiu ploris senĉese apud tombo. Ŝi klarigis, ke estas la tombo de ŝia edzo, kaj ke ŝi ne povas dormi, ĉar ŝi ĉiam pensas pri li. Ŝi do prenis taksion, kaj iris al la tombejo por viziti lin. Mi demandis, "kiel vi eniris ?" Ŝi respondis, ke ŝi transsaltis la muron helpate de la taksiŝoforo. Akompanis mi ŝin al la pordego, ellasis ŝin, kaj vere, tie antaŭ la pordego atendis ŝin la taksio. Malĝojo estas terura emocio, ĉu ne?

*Daŭrigota* *BobFelby*





**3ZZZ** En la elsendo de la 19a de marto vi aŭdos omaĝon al la ĵus forpasinta genia sciencisto Stephen Hawking , rakonton de Julian modest "Patrino", informojn pri sano kaj pri membriĝo al la Abonklubo de Vinilkosmo.

informas la kunvokanto *Franciska Toubale*

